# FEN X

*Forumo de Esperanto Nederland*

**www.esperanto-nederland.nl**

Dumonata membrogazeto de *Esperanto Nederland.*
ISSN 1384-6515
Membroj de *Esperanto Nederland* ricevas la gazeton; ĝi estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15.-
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.



**Redakcio:** <redakcio@esperanto-nederland.nl>
H. Bakker, Kastelenstraat 231II, 1082 EG Amsterdam, tel./fakso 020- 64 21 853 <hansbakker@raketnet.nl>.

J.K. Hammer, Taxusstraat 7, 1505 AA Zaandam, tel. 075- 616 69 31, <ko.hammer@planet.nl>.

**Esperanto Publike:**
Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe redaktoro Hans Bakker, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme, Albert 1 straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:**
Julia De Coster, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**
**Sekretario**
Alfonso Pijnacker, Tulpstraat 110, 2841 AE Moordrecht. Tel. 0182 -37 40 58 aŭ 06-513 762 57 // <sekretario@esperanto-nederland.nl>.
**Membro-Administranto:**
Remment Balk, Egeïschestraat 42,
8303 EN Emmeloord. Tel. 0527-23 93 78 // <membroj@esperanto-nederland.nl>.

**Kasisto:** Els ten Hagen-Renses, Middenweg 587, 1704 BH Heerhugowaard. Tel. 072- 571 79 18, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Poŝtkonto: 37 55 22 nome de ESPERANTO NEDERLAND;
UEA-konto: esne-h

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.
Tel. kaj fakso: 050- 57 18 842.
Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Instrua Servo:** Luit Staghouwer, Julianalaan 25, 9781 ED Bedum. Tel.050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>.

**Studie-weekeind:**
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder, Tel: 0223-643781.


## DATOLIMO:

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la fino de septembro. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin. Simpla teksto, kiel en elektronika letero, plej taŭgas, sed ankaŭ aldonaĵoj en Word aŭ Wordperfect estas bonaj. Kompreneble ankaŭ paperaj kontribuoj estas bonvenaj. Krome tre bonvenaj estas bildoj por la frontpaĝo!

## ENHAVO



## ĈE PAĜO 1

Esperantistoj el Bjalistoko varbis dum la kongreso en Rotterdam por la 94-a Universala Kongreso kiu okazos de la 25-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto 2009 en ilia urbo.

## DE LA REDAKCIO

Jen numero plenplena de artikoloj pri la 93-a U.K.
Ni esperas ke la tuto kontentigos vin.

## DANKON...!

Kun feliĉo mi ricevis plurajn pozitivajn reagojn al mia artikolo "Fiera pri Nederlando" en la pasinta numero.
Prave nia membro Felix H. Kat avertis, ke ni restu atentaj pri aferoj kiuj estas ankoraŭ plibonigendaj.

Ko Hammer.

## ŜANĜOJ en la MEMBROLISTO

***Forpasis:***
S-ino M.E.E. Warmerdam el Heemstede.
***Ŝanĝoj:***
S-ro F.H. Kat, Hempenserweg 2, Apt.514,
8935 AA Leeuwarden (nova adreso).

## JACOBUS CORNELIS CARTON.

Marc Stadman serĉas informojn pri sia avo, J.C. Carton, kiu antaŭ ĉ. 50 jaroj estis membro (prezidanto) de ia nederlanda Esperanto-asocio, kredeble de la fervojista asocio IFEF.
Se vi scias ion pri li, bonvolu sendi viajn informojn al <marcstadman@hotmail.com>, kun kopio al Ineke Emmelkamp.

## ESTRAR-KUNVENO, 4 JUNIO 2008

**Jen kelkaj eroj el la estrarkunveno, la 4-an de junio 2008:**

**1.**
La ĝenerala kunveno 2009 okazos la 16-an de majo 2009, denove en Utrecht. Membroj kiuj havas proponojn por tiu kunveno sendu ilin sufiĉe frue al la sekretario, por ke la estraro publikigu ilin en FEN-X numero 2/2009.

**2.**
Laŭ la Statuto la estraro bezonas minimume 5 membrojn. Nun ĝi havas 3 membrojn kaj eĉ mankas prezidanto. El la nuna estraro neniu pretas provizore prezidi la asocion kaj jam estas konate ke Joke Hoobroeckx kaj Alfonso Pijnacker, kiuj en 2009 demisios, intencas fini siajn laborojn. Do, la asocio atendas malbonan veteron ! Kandidatoj sciu ke estrara laboro kostas tempon kaj energion sed ne monon. Vojaĝ- kaj aliajn necesajn kostojn repagos la kasisto el la asocia kaso.

**3.**
Ĉar la ĝenerala kunveno decidis "verdigi" la financojn, la kasisto havis kontaktojn kun la ASN-Banko kaj la TRIODOS-Banko. La kontakto kun la TRIODOS-Banko estis kontentiga sed la malbona bors-klimato ne invitas nun ŝanĝi la investadon.

**4.**
Membroj de la Verloren van Themaat-ĵurio decidis fini siajn laborojn. Estas tempo por renoviĝo. Montriĝas ke laŭ la Interna Regularo ĵurianoj povas funkcii dum tri jaroj. Do, la nunaj ĵurianoj funkciis jam tro longe. La estraro serĉu novan ĵurion.

**5.**
La retej-komisiono proponis uzi alian retsistemon kaj novan propran rekon-ŝildon. La estraro aprobis alian retsistemon sed ne novan rekon-ŝildon, ĉar en la Esperanto-medio ni jam havas 2 konatajn rekon-ŝildojn.

**6.**
Necesas pli kaj plu informi ne nur niajn membrojn sed ĉiujn esperantistojn en Nederlando pri la ekzisto de nia "Leerstoel UvA" por ke multaj homoj subtenu ĝin. La estraro por tio serĉas helpanton.
Krome, instruado estas la plej grava temo en nia agado. Do, kiel ekhavi novajn instruistojn?

**7.**
La estraro decidis nomumi estontece nur estraranon, prefere la prezidanton, kiel reprezentanton en EEU. Reprezentado kostas multe da mono kaj, do, devas esti bona kontakto kun la estraro pri la agado.

## STUD-SEMAJNFINO EN NOVEMBRO.

Al ĉiuj studemuloj, de ĉiuj niveloj kaj aĝoj. En la aŭtuno 2008 ESPERANTO NEDERLAND denove organizas stud-semajnfinon.

**La datoj estos:** de la 14-a ĝis la 16-a de novembro.

**Loko:** NIVON- domo De Banjaert en Wijk aan Zee, provinco Nordholando.

Ĉi tiu domo estas tute nova, kaj situas ĉe la rando de la dunoj. Ĝi havas alian aliĝ-sistemon ol ni kutimas. Ni ne povas lui la tutan domon, sed devas mendi lokojn po persono. Ni jam rezervis 30 lokojn, kaj havas opcion por dek pli. Tiu opcio finiĝas la 15-an de oktobro. Do vi devas esti ĝustatempe kun via aliĝo. Post tiu dato ni povos klopodi ĉu aliĝo ankoraŭ eblas, sed tio ne estos certa.

Aliĝoj estas eblaj ĉe Juri Smolders, Warmoesstraat 7, 1521 CH Wormerveer. Tel. 075-6123471.

Aŭ rete: Esperanto Studieweekeinde <studsemajnfino@esperanto-nederland.nl> En la retpaĝo de ESPERANTO NEDERLAND aperos reta aliĝilo. (<www.esperanto-nederland.nl>).

**Kostoj:** Membroj de ESPERANTO-NEDERLAND (aŭ alilanda Esperanto-asocio aŭ abonantoj de Fen-X) 55 eŭroj. Ne-membroj: 65 eŭroj.

Por membroj de Nivon ni ricevos rabaton, do bonvolu mencii ĉu vi estas membro, kaj kunpreni vian membrokarton. Ni volas uzi tiun rabaton por malaltigi la prezon por la tuta grupo.

Informoj haveblas ankaŭ ĉe: Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder. Tel: 0223-643781.

Retpoŝto: < lj.lathouwers@quicknet.nl >.

## ALVOKO PRI EKZAMENA EKZERCARO.

Por helpi revizii la provan "Ekzamenan Ekzercaron de NGGE" bv. sendi viajn Esperanto-lingvajn problemojn aŭ ideojn al la adreso NGGE, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk. <r.moerbeek@online.nl>.

Anticipan dankon!
Rob Moerbeek.

## JUBILEANTOJ



En la Ĝenerala Membrokunveno oni honoris du personojn, kiuj de 50 jaroj fidelis al la Asocio.

Temas pri Ans van Riemsdijk-Goossens kaj pri Ans Bakker-ten Hagen. Surloke Ans Bakker ricevis belan dokumenton, kiun transdonis la estrarano Els ten Hagen-Renses.

Sinjorino Van Riemsdijk ne povis ĉeesti la kunvenon. Pro tio ŝin vizitis, kelkajn tagojn post la Ĝenerala Membrokunveno, la estraranoj Els ten Hagen kaj Joke Hoobroeckx. Estis agrabla vizito, dum kiu la 88-jara honorigito rakontis el sia Esperanto-vivo.

Koincido: Ans Goossens kaj Ans ten Hagen membriĝis en la sama jaro en la sama grupo, nome: Amsterdam-V, grupo Zamenhofa, sekcio de la tiama Asocio de Laboristaj Esperantistoj.




## PRI LA 93-A.

Inter la 19-a kaj la 26-a julio okazis en Rotterdam la 93-a UK. Kaj certe, ĉiu, kiu kunlaboris por sukcesigi ĝin, poste laca kaj dankema ripozis de la zorgoj. Ne ĉio okazis laŭ la esperoj kaj la deziroj de la organizantoj.
Por la tasko de "Alta Protektanto" oni vane invitis membron de la Reĝa familo, kaj ankaŭ neniu ministro estis preta akcepti ĝin. Feliĉe S-ino Gerdi A. Verbeet, prezidanto de la dua ĉambro de la parlamento, pretis akcepti la taskon. Kaj princino Laŭrentino sendis afablan leteron.
La konstruaĵo BEURS ne estis tute kontentiga. Por la plej gravaj programoj la ĉefa salono estis tro malgranda, kaj nombro devis spekti la programon en alia salono, helpe de grandegaj televidaj ekranoj. Tie la sono estis malpli bona, kaj dum la kantado de la himno je la malfermo, ĝi eĉ tute mankis... Feliĉe juna azia virino kuraĝis organizi la komunan kantadon.
Dimanĉe la ekumena diservo estis bone vizitata. Malgaŭ la bone indikita adreso certe 20 personoj ne sukcesis alveni ĝustatempe, ĉar indikoj kiel atingi la preĝejon mankis.
Precipe dum la unuaj tagoj tiaj mallertaĵoj iom ĝenis, sed pri ili ni nun ne plu plendu!

## NACIA TAGO

Dimanĉo, la 19-a de julio estis la nacia tago. Kelkaj kongresanoj, precipe el Japanio, surhavis nacian kostumon, kaj ankaŭ S-ino Hammer el Nederlando: ŝi surhavis la famkonatan kostumon de Volendam kaj estis fotografata - ni diru - milfoje.
En la nacia programo kunlaboris inter alie la korusoj MALVO kaj AKORDO.
Estis kontribuo ankaŭ de Jules Deelder, la nokta urbestro de Roterdamo.

## HONORA MEMBRO

Dum kongreso ĉiam kelkaj membroj de la gastiganta lando ricevas la honoran membrecon, de UEA. Ĉi-jare tio ne okazis. La honoran membrecon ricevis S-ro Simo Milojeviĉ, kiu dum multaj jaroj plenumis diversajn gravajn taskojn en la Centra Oficejo de UEA, kaj nun loĝas en Hercegovino.

## EDUKADO-NET

Dum la Universala Kongreso de Esperanto, edukado.net prezentis sin en la Movada Foiro kaj gvidis 16 paroligajn lecionojn je du niveloj, kiujn partoprenis plurcent kongresanoj. La 90-minuta aranĝo METIEJO allogis centon da homoj, kiuj kun intereso rigardis niajn instruilojn, dancis korelative, foliumis la elprintitajn materialojn de la Lerniloteko kaj Metiejo, renkontis niajn kunlaborantojn kaj la verkistojn Stano Marček, Dennis Keefe kaj Paul Gubbins, parolis kun gvidantoj de diversaj projektoj kaj partneraj organizaĵoj. Multaj vizitantoj kunprenis kelkajn el la ĉ. ducent senpagaj brokantaĵoj kaj aĉetis por tombolo, dum kiu estis lotumitaj 25 libropremioj.
Dum la semajno estis disdonitaj 1000 pinĉiloj, kiujn multaj el la kongresanoj surhavis kaj espereble laŭcele uzis por montri sian lingvo-kapablon: verdan kiel komencanto, ruĝan kiel pli sperta esperantisto.
Nia retejo rimarkeble ĉeestis dum la kongreso, kies ferma ceremonio portis al ni grandan surprizon.
Edukado.net ricevis premion de UEA pro sia elstara agado por la Internacia Lingvo Esperanto.
La diplomo estis transdonita al Katalin Kováts, redaktoro de la retejo, antaŭ milo da esperantistoj. La prestiĝa rekono de la plurjara agado espereble gvidos al fruktodona partneriĝo de la retejo kaj UEA.
La ricevita diplomo videblas en la paĝo Aktualaĵoj.
Feliĉaj pro la rekono ni gratulas nian „fratan" retejon <lernu>, kiu ricevis la saman diplomon pro sia agado.

Katalin Kováts, redaktoro.

## KUNVENO EN ALKMAAR

Antaŭ la Universala Kongreso la urbo Alkmaar akceptis delegaciojn el siaj ĝemelurboj. Memorinda renkontiĝo! Por substreki tion, la entrepreno Vredro Aktief de s-ro John Droge, kun teamo de esperantistoj produktis la ludon "Memoroj pri Norda Holando" laŭ la ideo de la konata ludo "Memory". 36 paroj de kartonaj kartetoj kun belaj bildoj pri la provinco Norda Holando memorigas la ludanton pri tekniko, kulturo kaj naturo en tiu bela provinco. La ludo taŭgas kiel donaceto ankaŭ al ne-esperantistoj, kvankam la akompana kajereto kun klarigoj estas nur en Esperanto. Ĝin vendas la Libroservo de UEA.



La 18-an de julio en Heerhugowaard estis la lasta tago, kun nacia programo. En ĝi i.a. grupo el la regiono prezentis foklorajn dancojn, kaj instigis la gastojn al kundancado. Por tio la Esperanto-grupo el Alkmaar eĉ sekvis kelkajn lecionojn! S-ino Hammer ne nur montris sian propran kostumon el la Zan-regiono, sed ankaŭ prezentis tri kostumojn el Volendam, helpe de patrino kaj filo el Hungario, kaj sinjorino el Germanio.

## AKCEPTO EN GRONINGEN

Jam antaŭ la UK alilandaj esperantistoj vojaĝis tra Nederlando.
En Groningen renkontiĝis la 15-an de julio en la ĝardeno de Ineke Emmelkamp: Wanda el Pollando, Nan Li el Ĉinio, Toshi el Japanio kun la Groningenaj esperantistoj: Johan, Nelly, Tian Wei, Luit!
Nelly preparis 'poffert' kaj 'krentjebrij'! Bongustaj groningenaj kuko kaj postmanĝo! Wil frue foriris kaj mankas sur la foto!



## INFORMADO

"Ha, sinjoro Hammer, ĉu la kongreso bone sukcesis?" Tiel salutis min muelisto Kempenaar de la farbmuelejo en la Zaanse Schans. Kaj tre kontente li rakontis ke multaj homoj vizitis la muelejon kaj petis la Esperant-lingvan informilon.
Iom poste, dum vizito kun ĉeĥa gasto al la nova muzea muelejo, la deĵorantoj demandis ĉu mi pretas fari informilon pri la muelejo en Esperanto.
Ankaŭ aliloke mi konstatis ke multaj homoj estis bone informitaj pri nia Kongreso, kompreneble iom depende de la gazeto kiun oni abonas.
Oni interalie menciis la televidan programon NOVA, kaj radioprogramon pri Wim Jansen. En ia muzeo mi devis doni informojn kaj ret-adresojn al homoj kiuj deziras lerni la lingvon.
Mi havis la impreson ke la informado de Joke Hoobroeckx kaj Bert de Wit relative bone sukcesis.

## ESPERANTO PUBLIKE

Malmultaj legantoj ne scias ke okazis Universala Kongreso de Esperanto de la 19-a ĝis la 26-a de julio. Sed multaj ĵurnalistoj ne sciis tion. Niaj aktivuloj Joke Hoobroeckx kaj Bert de Wit klopodadis ŝanĝi tion. Kun tiom da sukceso ke tiu ĉi rubriko ne povas esti kompleta. Do jen nekompleta listo:

junio 2008 La gazeto de la fakultato pri psikologio en sia junia numero dediĉis kvar paĝojn al "Esperanto, la lingvo internacia" citante Wim Jansen kaj Rob Moerbeek.
28-06-2008 Nederlands Dagblad: Tuta paĝo kun titolo "Droomtaal", kun intervjuoj precipe kun Hein Wernik kaj Rob Moerbeek.
18-07-2008 Noordhollands Dagblad: "Esperanto komt even tot leven tijdens internationaal congres".
19-07-2008 Webregio TV, Alkmaar.
19-07-2008 AD Weekend rapportage. Tuta paĝo kun titolo "Taal voor de hele mondo".
19-07-2008 NOVA TV vespere raportis pri konferenco pri lingvistiko en la Universitato de Amsterdam, organizita de Wim Jansen kaj Humphrey Tonkin. NOVA intervjuis kelkajn junajn kaj maljunajn esperantistojn.
20-07-2008 Telefona intervjuo por Wereldomroep kun Marc van Oostendorp el la kongresejo.
20-07-2008 NOS TV Jeugdjournaal intervjuis infanojn kaj junulojn en la Infana Kongreseto.
21-07-2008 De Pers, senpaga gazeto, altiris la atenton per artikolo kun titolo: Esperanto helpas por serĉi amat(in)on. Ankaŭ pli frue, De Pers de 24-05 kaj 02-07 publikigis ion pri Esperanto.
22-07-2008 Ĵurnalisto de NOVUM, interreta novaĵagentejo, filmis homojn kaj eventojn en la kongresejo kaj montras ilin per <www.novumnieuws.nl>.

Antaŭ la UK kunvenis en Alkmaar esperantistoj el ties ĝemelaj urboj pro 25-jara jubileo.
08-07-2008 Noordhollands Dagblad en sia rubriko Punt Uit intervjuis Ans Heijstra, koncize sed trafe. La titolo estis atento-kapta: "Esperanto ook voor de hond."
11-06-2008 Alkmaars Weekblad prezentis: "Vriendschapsbanden met zustersteden zijn ijzersterk."
25-06-2008 Alkmaars Weekblad: "Uit sommige ramen groeien gewoon bomen en struiken."
13-07-2008 Alkmaar op zondag: "Esperanto viert stedenbanden". 13-07-2008 Zondagochtendblad (regio Schagen): "Esperanto viert stedenbanden".
13-07-2008 Zondagochtendblad (regio Alkmaar): "Feest bij Esperantovereniging Alkmaar."
16-07-2008 Alkmaarsche Courant (NHD): "Symposium over Esperanto in Alkmaar."
19-07-2008 Noordhollands Dagblad: "Jonge taal praat over vergrijzing".

**Diversaĵoj:**
21-06-2008 De Volkskrant sur p.37 atentigis pri la 80-a naskiĝdatreveno de Simon Vinkenoog. Kees Neef citas liajn vortojn: "Mijn vader leerde Esperanto. Hij had van die blokjes met voor- en achtervoegsels, net als een leesplankje. Daar speelde ik mee als kind."
09-06-2008 Alkmaars Weekblad enlumigis la vivon de Jacques Tuinder kaj ties ligon kun Esperanto.
28-06-2008 Noordhollands Dagblad publikigis reagon de Ans Heijstra al anoncoj pri instruado de la angla lingvo al tre junaj infanoj. Jenneke van Veenendaal trovis gazetaran anoncon de amikina kontaktreto precipe por virinoj de eksterlanda deveno. La reton oni baptis "Amikino". Remment Balk rigardis je 29-06-2008 piedpilkludon de Hispanujo kontraŭ Germanujo. Unu el la hispanoj devis forlasi la ludejon laŭ ordono de la trejnisto. Li estis klare ne feliĉa pri tiu decido. La nederlanda tv-komentariisto diris: "Zijn lichaamstaal is een soort Esperanto. Dat begrijpen we allemaal."

Multajn el tiuj ĉi informoj liveris Ans Heijstra.

Hans Bakker

**ROTOWN MAGIC**

**Jules Deelder**

**Vertaling: Wim Jansen**

*Rotterdam is niet te filmen*
*De beelden wisselen te snel*
*Rotterdam heeft geen verleden*
*en geen enkele trapgevèl.*

*Rotterdam is niet romantisch*
*heeft geen tijd voor flauwekul*
*is niet vatbaar voor suggesties*
*luistert niet naar slap gelul.*

*'t Is niet cameragevoelig*
*lijkt niet mooier dan het is*
*Het ligt vierkant hoog en hoekig*
*gekanteld in het tegenlicht.*

*Rotterdam is geen illusie*
*door de camera gewekt*
*Rotterdam is niet te filmen*
*Rotterdam is vééérls te echt.*

*Roterdam' - la ne filminda*
*Tro maltrankvilas ĝia fon'*
*Roterdam' - la senpasinta*
*sen fasadoj kun fronton'.*

*Roterdam' sen romantiko*
*tenas blagojn for de si*
*sen inklin' al poetiko*
*sen babil' severas ĝi.*

*Filmkamerojn ĝi mallogas*
*senpretende, sen graci'*
*Kie blokon blok' apogas*
*en pala sun' rebrilas ĝi.*

*Roterdam' ne imageblas*
*kiel kino-iluzi'*
*Roterdamo ne filmeblas*
*Roterdamo estas ĝi.*



## LA LOKA KOMITATO

Grave kontribuis al la sukceso de la Kongreso la Loka Kongresa Komitato, ĉi tie dum la ferma kunsido.
De maldekstre: Bert de Wit, Ekstera informado, / Marijke Lathouwers, kongresejo, helpantoj, / Joke Hoobroeckx, eksteraj rilatoj, / Loes Demmendaal, ekskursoj, / Ineke Emmelkamp, sekretario, / Ans Bakker-ten Hagen, prezidanto.



En la bildo mankas Nico Huurman, kiu jam foriris al la Internacia Junulara Kongreso de TEJO en Hungario.

## KONGRESA POŜTMARKO




Dum la kongreso oni povis aĉeti specialan kongresan poŝtmarkon, kiun grafike desegnis Saskia Idzerda.
Ĝi prezentas la saman bildon kiel la glumarko de la kongreso, kiu memorigas pri la fama Erasmus-ponto. Malfeliĉe la poŝtmarko ne estis menciita en la kongreslibro.

## LA HELPANTOJ...

Certe la daŭre aktivaj helpantoj grave kontribuis al la sukceso de la kongrseo. Grupo de ĉ. sesdek helpantoj dum la tuta semajno estis aktiva, por helpi ĉie, kie tio necesis.
Ili ne nur estis membroj de la landa asocio, sed ankaŭ aliaj vizitantoj de la Kongreso ofte spontanee prezentis sian helpon.

## DANKESPRIMO

*Fine de julio okazis la 93-a Universala Kongreso de Esperanto en Rotterdam. Ĝin invitis la estraro de UEA. Tiu decidis, pro centjariĝo de la Asocio, okazigi la kongreson en la urbo kaj lando kie jure estas la sidejo. ESPERANTO NEDERLAND ne respondecis pri la invito, malgraŭ tio LKK konsistis el membroj de nia Asocio.*

*Mi, kiel prezidanto de la Loka Kongresa Komitato, deziras danki al ĉiuj personoj kiuj laboris por sukcesigi la kongreson. Dekoj da personoj sin anoncis kiel volontuloj. Krome estis pluraj aliaj, en- kaj eksterlandanoj, kiuj surloke malpezigis la laboron.*

*Malgraŭ kelkaj bedaŭrindaj okazintaĵoj, ĝenerale la kongreso kaj la eksteraj aranĝoj estis sukcesaj. Dank' al ĉies helpemo!*

*Ans Bakker-ten Hagen.*

## MARIËTTE WARMERDAM

**(11-02-1957 ĝis 02-07-2008)**



Multaj esperantistoj en Nederlando konis Mariëtte Warmerdam, kiu forpasis la 2-an de julio 2008 en Haarlem, ĉar Mariëtte tre ofte partoprenis la studsemajnfinojn de ESPERANTO NEDERLAND kaj kelkfoje ankaŭ la NOSOBE-semajnfinojn de la blindaj esperantistoj.

Mi kondolencas la parencojn kaj geamikojn de Mariëtte kaj deziras al ili forton por supervenki ĉi tiun grandan perdon.

La homoj, kiuj pli bone konis Mariëtte Warmerdam scias, ke ŝi jam dum 5 jaroj havis kanceron de la ostoj ("malsano de Kahler"). Ŝian morton kaŭzis ne la kancero mem, sed malfunkciado de la renoj. Tio estis feliĉo por ŝi, ĉar tial ŝi ne suferis dolorojn.

Dum sia lasta vivsemajno Mariëtte Warmerdam loĝis en "Zorgcentrum de Molenbrug" en Haarlem, kiu ofertas ĉambrojn por homoj dum ilia "lasta vivfazo".

La funebra ceremonio okazis la 7-an de julio 2008 en la katolika Bavo-preĝejo en Heemstede. Ĉeestis proksimume 100 homoj. Inter ili estis reprezentantoj de diversaj organizoj, kolegoj de ŝia voluntula laboro en kvartala domo, 4 esperantistoj de la Esperanto-klubo de Haarlem kaj 3 aliaj esperantistoj.

Post sia HAVO-diplomiĝo ŝi faris studon por bibliotekistino, tio estis la plej feliĉa tempo de ŝia vivo. Poste ŝi eklaboris kiel bibliotekistino, sed jam tiam komenciĝis sanproblemoj, pro kiuj ŝi jam frue devis ĉesigi sian laborvivon. Sed ŝi havis tre bonan alternativon: labori voluntule kaj flegi multajn interesajn hobiojn. Grava por ŝi estis Esperanto kaj ŝia Esperanto-klubo en Haarlem, kie ŝi estis tre aktiva. Ŝi korespondadis kun esperantistoj en diversaj landoj de Eŭropo kaj estis gasto ĉe ili.

Ĉe mia amikeco kun Mariëtte Esperanto kunligis nin. Mi eklernis la nederlandan lingvon ĉe la universitato de Bonn en Germanio en la komenciĝo de la 80-aj jaroj kaj mi volis havi kontaktojn kun nederlandanoj por praktiki la lingvon. Dum multaj jaroj mi serĉis kaj serĉis, sed miaj kontaktoj estis malsukcesaj. Sed la lingvo Esperanto (kiun mi eklernis en 1991), malfermis al mi Nederlandon kaj alportis al mi intensivajn kontaktojn kun nederlandanoj.

Unu el miaj du nederlandaj Esperanto-geamikoj estis Mariëtte, kiun mi ekkonis dum la studsemajnfino en la jaro 1999. Ekde tiu ĉi tempo ni estis fidelaj leteramikinoj. Nia tuta 9-jara korespondado estis dulingva: Ni ĉiam skribis unu paĝon Esperantlingve kaj la duan paĝon nederlandlingve.

Nia amikeco formis ponton inter niaj loĝurboj Heemstede kaj Krefeld, ĉar ni uzis tiajn eblojn por havi personan kontakton kaj por praktiki Esperanton. Ni ankaŭ interŝanĝis gastigadon: Dum la gastigado nia ĉiutaga lingvo estis la nederlanda. Post la lasta gastigado en 2005 la malsano de Mariëtte estis jam tiom grava, ke longaj vojaĝoj al eksterlando ne plu eblis.

Mariëtte tre ŝatis viziti interesajn lokojn, muzeojn aŭ vidindaĵojn. Mi bone memoras niajn vizitojn al la Dua Ĉambro de la Nederlanda Parlamento en 2003 kaj al la stelobservatorio "De Sonnenborgh" en Utrecht en 2006. Mi ĉiam havis la deziron partopreni en gvidado tra la nederlanda nacia parlamento. Mariëtte sciis tion, kaj kune ni faris ekskurson al Den Haag kaj tie ŝi kun plezuro estis mia "politika turista ĉiĉeronino".

Mi estas tre danka al Mariëtte pro nia bona 9-jara amikeco!

Jolien Schittko el Krefeld, Germanio.
Amikino de Mariëtte Warmerdam.

---

## "ESPERO ESTAS KAŬZATA DE RECIPROKECO"

**La filmrakonto de Pedro Almadovar: "Hable con Ella" (2007)**

La rakonto temas pri tio, kiel du viroj kiuj ne konas unu la alian pruvas siajn amojn al siaj amantinoj. Ambaŭ viroj (Mario kaj Benigno) frontas fatalan akcidenton de siaj amatinoj, nome:

- Alicia (baled-lernantino) estas la amatino de Mario. Ŝi estas renversita de aŭtomobilo.

- Lydia (taŭristino) estas la amatino de Benigno. Ŝi falas dum batalo kontraŭ taŭro.

Ambaŭ virinoj estas en stato de komato akceptataj en la sama sekcio de la malsanulejo.

Tie la viroj renkontas unu la alian kaj fariĝas amikoj.

Ŝajnas ke la du virinoj tute ne rilatas unu la alian sed kiam ni tradukas la titolon de la filmo per "Parolu unu je la alia", la reĝisoro tiumaniere donas indikon.

Ĉu tiu indiko koncernas nur Mario kaj Benigno aŭ ĉiujn? Kaj kio estas la diferenco inter "Paroli kun la alia" kaj "Parolu kontraŭ la alia"? Paroli kontraŭ la alia okazas kiam oni parolas pri sia propra sperto aŭ realaĵo kaj ne estas scivola pri la opinio aŭ sento de la alia. Ĉe la parolanto kaj la aŭskultanto ofte estas sento de soleco.

Paroli kun la alia okazas kiam oni klopodas trovi la komunan sperton aŭ realaĵon; tio estas la donado aŭ ricevado de respondo aŭ konsiderado pri io. Ĉe la parolantoj ekestas la sento de kompreno kaj amikeco de unu al la alia.

Konkludo: La espero pri esenca kontakto karakteriziĝas per reciproka sperto kaj vera respondado aŭ reflektado..

Mi rekomendas la filmojn de Pedro Almadovar al ĉiuj!

Jilde Stern-Agema

La 1-an de marto WFBN (la nederlanda branĉo de Mondfederisma Movado) festis en Utreĥto sian diamantan jubileon, samjare kun la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj. Pro ESPERANTO NEDERLAND gratulis Ans Bakker, kiu menciis la komunan celon: plibonigi la rilatojn inter ĉiuj homoj. Ŝi atentigis pri la Universala Kongreso en Roterdamo. Ĉe modesta Esperanto-stando la publiko ricevis la Esperantan version de du broŝuroj akompanantaj la feston: “Kernvizio” kaj “Estonteca vizio de la 60-jara WFBN”.

Jam longe pacamaj esperantistoj agadas ĉe supernaciaj instancoj. Edmond Privat pledis ĉe Ligo de Nacioj por la enkonduko de Esperanto en la bazajn lernejojn, sed vane. Simile kiel la nuna UN ĝi nur modere povis trakti la plej urĝajn mondoproblemojn. Evidente pro sia karaktero de KONFEDERACIO, kun nur supraĵa kunlaboro, kontraste kun federacio en kiu la konsistigaj partoj transdonis iom el sia suverenaj rajtoj al la kupola registaro. Neniu el la “ŝtatoj” de la usona, svisa aŭ germana federacio bezonas apartan buĝeton por armeo, tamen en instruaj aferoj ili estas altgrade memstaraj. Post la atombombado al Hiroŝimo kaj Nagasako kun centmiloj da viktimoj kaj - longe prisilentitaj - horore monstraj naskitoj, Emery Reves eldonis “La Anatomio de Paco” (angle, kun nederlanda traduko, kiun la WFBN-laborgrupo pristudis). En ĝi li montras ke kontraŭ la militemo malpovis religioj, kapitalismo kaj socialismo. Por fine rompi la eternan, ĉiam pli katastrofan sinsekvon de ekonomie-politike bazitaj konfliktoj urĝas ke la ŝtatoj transdonu parton de sia suvereneco al demokrata mondregistaro. Nur monda federacio povos garantii sekurecon, ekonomian liberecon kaj socian justecon, t.e. homajn rajtojn. Oni fondis WFM (Monda Federisma Movado) kaj nialande Wereld Federalisten Beweging Nederland (WFBN). Tiam sub influo de Reves ĝi malakceptis UN-on, bazitan sur suverenaj ŝtatoj, do dependan de la egoisma ludo de la potencaj ŝtatoj. Poste oni ekkonsciis ke tamen Unuiĝinta Naciaro ion atingas kaj konsideris ĝin kiel ŝtupon survoje al vera monda demokratio. Gravas ja la Deklaracio de Homaj Rajtoj. Esperigis ankaŭ la egalrajteco en Eŭropa Unio. Tamen la monda malordo ne estas sanigebla per UN. Eble malpli urĝas la timo pri atommilito, kvankam la aranĝoj kontraŭ Irano kaj Norda Koreio montras kiom nukleaj armiloj restas prempolitikiloj. Nun elstariĝis la krizoj pri energio, ribeloj pro malsato, daŭre kreskaj militkostoj kaj perdoj, malgraŭ la promesaj riĉaĵoj en Irako kaj Afganio, klimatŝanĝo kun perdo de la zoologia diverseco kaj kreskado de nesanigeblaj malsanoj. Sed ni legu en la broŝuroj mem: “La esenco de la mondfederismo estas strebi al regada strukturo, kiu, konservante grandan kulturan diversecon, ebligos la solvadon de la urĝaj komunaj problemoj de la homaro.” WFBN strebas reformi la UN-organizon en mondfederacion de popoloj kaj mondcivitanoj, regataj de demokratie elektita monda estraro kaj monda parlamento. Tiu estraro respektu kaj ŝirmu la spiritan/kulturan liberecon kaj evoluon de ĉiu homo; ĉiuj mondanoj havu egalajn rajtojn senkonsidere siajn devenon kaj situacion, kaj la estraro gardu la vivkondiĉojn de la homo, besto kaj vivmedio. La Ĉarton de UN necesas evoluigi al monda Konstitucio. La kontrolan rolon de sendependa jura instanco ankaŭ aludas la idealo “Monda jura ordo”, pri kiu WFBN seminariis kun la rezulto ke ekestis “Nederlanda Asocio por Internacia Jura Ordo”, el kiu stariĝis NVVN (Nederlanda Asocio por UN, kun bonega revuo “UN-Forum” kaj jarkotizo de 35 eŭroj). Pro la demokratio la decidojn faru la plejeble malalta nivelo (subsidiareco).

Esperanto rolis dekomence: Multo legeblas en “La Praktiko”, la gazeto de Andreo Cseh de 1947 ĝis 1955, kiam la atento direktiĝis al Unesko pro ĝia deklaro de Montevideo (dank’ al Ivo Lapenna, dec. 1954). Grave kontribuis al tio Edmond Privat, konvinkita federisto, sed ankaŭ Andreo Cseh kaj la majstraj interpretadoj de Julia Isbrucker. Tial Esperanton kiel internacian interkomunikilon apud la angla akceptis kaj WFM kaj WFBN. En la celaro de WFBN ni trovas:

Klimatregado: malplifortigo de la forceja efiko.
Ekologia ekonomio: zorgo pri pureco de la tero, akvo kaj aero, protekto al la faŭno kaj flaŭro. Protekto al homoj kontraŭ malriĉo, ekspluato, malsato kaj malsano. Unu monda valuto kun apartena baza enspezo por ĉiu.
**Unu neŭtrala mondlingvo, apud la propra lingvo.**

Ĉi tiuj kvin terenoj interdependas: temas pri tutmonda strebado. Jam io realiĝis: post ĝenerala enkonduko de Hans Erasmus pri la lingvoproblemo kelkaj lecionoj pri la ĉeftrajtoj de Esperanto, Esperanto-tradukoj de artikoloj en la organo de WFBN, “Eén Wereld”, en kiu la redaktoro aperigis ankaŭ kelkajn proverbojn el “La Trezoro de arabaj proverboj kaj anekdotoj” de Husajn Al-Amily, unu el la plej bonaj eldonoj por interkultura kleriĝo. En posta kunveno por starigi novajn laborgrupojn estis okazo pledi por Esperanto-kurso kaj Hans Erasmus invitis interesitojn al la Roterdama UK. La lejdena esperantisto J.W.Leenhoff disdonis materialojn por unua Esperanto-leciono.
Informojn pri la laborgrupoj donas Johanna Steylen: Imboschweg 5, 6961 LH Eerbeek; tel: 0313-619600; <johanna.steylen@zonnet.nl>.
La plej bona Esperanto-verko restas “Mondfederismo?” (1992) de la usona profesoro pri filozofio, mondfederisto kaj esperantisto Ronald Glossop, en brila traduko de John Rapley.

Reagoj estas bonvenaj ĉe Rob Moerbeek.
<r.moerbeek@online.nl>.

*Jen teksto, kiu estas interesa pro la fakto ke ĝi enhavas temon, kaj do ankaŭ vortojn, kiujn oni ne ofte renkontas.*

## LA KANONOJ SPAARNDAM-AJ

**Kvar generacioj de defendaj fortikaĵoj**




Kio troviĝas najbare, tion oni facile preteratentas. Oni scias ke ĉe Spaarndam kuŝas alta remparo kaj sur la herbejoj serio da bunkroj. Survoje al Haarlem kuŝas malnova fortikaĵo kaj norde de Spaarndam unu plia. Oni scias ke tiuj estas partoj de malnova defendringo de 42 fortikaĵoj ĉirkaŭ Amsterdam.

Sed multaj homoj verŝajne ne atendas ke ĉi tiu "cirklopozicio" evidente estas tia apartaĵo, ke la Provinco ĝin entute deklaris kiel monumenton. Kaj ke ĝi versajne estos registrita de Unesko (Organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj por Eduko, Scienco kaj Kulturo) en la listo de "mondheredaĵoj".

La parto de la pozicio kiu kuŝas ĉe Spaarndam (la "Pozicio ĉe Spaarndam") estas tre eksterordinara parto de la cirklopozicio:

- temas ĉi tie pri tuta komplekso de defendaj vorkoj en speciala kohero
- la komplekso estas sendifekte konservita: la pafspaco estas ankoraŭ libera de vojoj kaj konstruaĵaro, nenio estas ŝanĝita ĉe la konstruo, oni nur malmulte malkonstruis.
- la komplekso havas eksterordinaran situon: ĝi ne kuŝas sur ia ajn loko en la herbejo, sed proksime al vilaĝo, ĝustadire apartenanta al la vilaĝo.
- oni ĉiam alkonstruadis en kaj ĉe la komplekso, kaj ĝi nombras kvazaŭ kvar generaciojn de la fortikaĵa konstruado.
- (tial ankaŭ estas diverseco de konstrumetodoj; oni trovas ĉi tie sur unu loko kompletan bildon de jarcento da disvolviĝo de la fortikaĵa konstruo (inter kiu fruaj ekzemploj de betonkonstruado).

Estas apenaŭ kredeble kio ĝenerale estas trovebla en la ĉirkaŭaĵo de Spaarndam. Resumite:

- restaĵoj de pli frua pozicio el 1809
- vico da inundaj vorkoj; kvin enlasaj kulvertoj ("duikers"); tri baraĵaj kluzoj kaj du inundaj kanaloj
- linia remparo kun du fortikaĵoj kaj du "flankaj baterioj"
- sur Fort Noord (Norda Fortikaĵo) malŝarĝa albordigejo kun mallarĝaŝpura relaro al la fortikaĵo (la sola el la tuta cirkla pozicio)
- domo de kontrolisto kaj domo de fortikaĵa gardisto
- "antaŭ-pozicio" kun tri vicoj da bombrezistaj restadejoj
- ĉe la unua remparo 14 surteraj depotoj (videblaj kiel montetoj)
- limfostoj por limdifino de la origina militista tereno
- sur Fort Noord lumĵetila barako kun dekliva vojo
- sur la linia remparo la fundamento de aergvata turo.

Tiu granda diverseco naskiĝis tiel:

1809. Kiam Napoleono militis kontraŭ la angloj, ankaŭ nia lando la Batava Respubliko sentis sin minacata. La vicgeneralo Krayenhoff projektis ringon de koheraj defendopostenoj ĉirkaŭ Amsterdam. Ĉe Spaarndam li fosis parton el la Slaperdijk (Dormanta digo) kaj anstataŭigis tiun parton de la digo per "stenen beer" (ŝtonmasonita mardigo) kun apuda levponto. Ĉirkaŭe li konstruis baterion "post vier" (posteno kvara). Napoleono estis perpleksa pri tio: Tio ŝajnis al li nekonkerebla. Ankaŭ la angloj neniam provis tion.

1884-1903. Dum la Franca-Germana milito (1870-1871) la prusoj trarompis senpene la francajn liniojn. Tio ankaŭ pensigis la nederlandanojn. Oni decidis konstrui novan, pli modernan cirklopozicion ĉirkaŭ Amsterdam. Tio farigis la "Pozicio de Amsterdam" kia ni ĝin nun konas. Por ĉi tio oni utiligis elementojn el la antaŭa pozicio.

Komence oni amasigis argilajn remparojn en Spaarndam en 1884-1887 kaj faris fortikaĵajn insulojn. En 1890-1891 oni konstruis en la antaŭa parto de la tereno inundajn vorkojn. Kaj fine oni fortikigis la linian remparon: unue per du fortikaĵoj (1897-1901), poste ree per du flankaj baterioj (1903).

1916-1917. En 1917 oni konstruis sur la tereno antaŭ la fortikaĵoj "antaŭ-pozicion" kun du defendaj linioj ... por

malfaciligi invadon de la angloj, t.e. por teni Nederlandon ekster la unua mondmilito.
Ili ne estas bunkroj, el kiu loko oni povas pafi (ne troviĝas paftruoj ene), sed ja parapetoj kun bombrezista kaŝiĝejo, malantaŭ kiuj oni povus loki kanonon. Sude de Slaperdijk (Dormanta digo) kuŝas 52, norde de Slaperdijk inter la arboj de la municia komplekso ree 33. Ankaŭ la bunkroj en la linia remparo kaj la aliaj du dekstre de la alveturejo al Fort Noord datiĝas el 1916/1917. En tiu tempo oni konstruis ankaŭ lumĵetilan kelon kun dekliva vojo sur Fort Noord.
1919. La unua mondmilito finiĝis antaŭ ol la defendaj linioj fakte estis pretaj. La unua linio estis ankoraŭ eĉ finprilaborita en 1919 (per terkovraĵo kaj per interliga fronta remparo), sed la aliaj kaŝiĝejoj ne plu ricevis tian kovraĵon. Ili staras alie, ol estis la originala plano, nun ili kuŝas nekovritaj en la kampo. (Ne, ili do ne estas germanaj bunkroj, el la dua mondmilito!).
1940-45. Dum la germana okupado la fortikaĵoj estis denove virekipitaj, sed oni ne plu konstruis la projekton. Oni ja malkonstruadis: ĉiujn el la kiraskupoloj de la fortikaĵoj de la Pozicio de Amsterdam eksplodigis la germanoj por povi refandi la altkvalitan kirasan ŝtalon.
1952. Dum la "malvarma milito" la malnovaj fortikaĵoj denove ricevis rolon. Fort Noord tiam servis kiel parko por municio. Kaj en 1952 bedaŭrinde, denove kvardek municiaj deponejoj estis konstruitaj sur la pafspaco, inter la malnovaj kazematoj, antaŭ Fort Noord.
Sur la linia remparo al Fort Noord oni starigis aergvatan turon (unu el vico de cent kvardek).
La Provinco nun volas kompletan restaŭradon. Ĝi deklaris la tutan Pozicion kiel provincan monumenton. Ĝi petis la Ŝtatservon por Monumentkonservado esplori ĉu planiza protektado de la tuta regiono (do inkluzive la pafspacon) estas ebla. Ĝi kandidatigis la Pozicion por loko sur la listo de la mondheredaĵoj de Unesko. Tio faras ke planoj de noviga kaj renoviga konstruado estus neeblaj! La Provinco progresigos renovigon de la Pozicio per subvencio pri monumentoj. Ĝi igis "Monumentenwacht" (la Gardoservon pri Monumentoj de Norda Holando) fari esploron pri la arkitektura situacio de ĉiuj fortikaĵoj.
Ĝi fondis "Stichting Stelling van Amsterdam" (Fondaĵon Pozicio de Amsterdam), kiu helpos la administrantojn de la fortikaĵoj pri la renovigaj planoj.
Herman Radema (jam mortis).
Tradukis: Ruth O. Richardson.

## APERIS KOMPLETIGO DE LA BIBLIO.

En majo 2008 aperis ĉe eldonejo VoKo nova libro; kutime ĉe la VoKo-numeroj temas pri relative malgrandaj modestaj broŝuroj, sed ĉi-foje estis vera libro 234-paĝa: "La Duakanonaj Libroj, volumo 3". Same kiel la antaŭaj volumoj, ankaŭ ĉi tiu volumo estis tradukita el la plej malnova versio de la koncernaj verkaĵoj: el la helena kaj la latina.
Siatempe, kiam L.L. Zamenhof ektradukis la Malnovan Testamenton, tion unuavice li -kiel judo- ne faris pro ĝia religia graveco, sed ĉar tiuj tekstoj estas facile troveblaj en ĉiuj gravaj lingvoj de la mondo. Sekve, komparante tiujn ĉi librojn kun nacilingva traduko, la novaj esperantistoj povos relative facile trovi stilekzemplojn por ekzerci sian lingvoscion. Aliflanke, propagandante al eksteruloj, la unua generacio da esperantistoj kun fiero povos montri la Biblion por certigi, ke jen ekzistas nialingve serioza literaturo - mondfama.
En la nuna mondo tiu ĉi rezonado ne plu estas konvinka: la literatura valoro de la Biblio estas en pluraj rondoj ne plu ĝenerale rekonata, kaj por fieri pri literaturo nialingve, ni jam disponas pri tiel multe da tekstoj, ke unu-du pliaj tekstoj apenaŭ trovos eĥojn...
Tamen, la remonstranta pastoro Gerrit Berveling, fakulo pri klasikaj lingvoj kaj membro de la Akademio de Esperanto, dediĉis multege el sia tempo kaj energio ĝuste al la tradukado de tiuj ĉi tri volumoj "La Duakanonaj Libroj, vol. 1 + 2 + 3". Tiuj volumoj enhavas ĉiujn bibliajn verkaĵojn, kiuj ne estas rekonataj de la tradicio de Kalvino, sed kiuj ja estas oficialaj (kanonaj, eĉ se foje nur duarange - pro tio la indiko Duakanonaj) en aliaj eklezioj. La romkatolika tradicio rekonas ĉiujn tekstojn el la unuaj du volumoj; la orient-ekleziaj tradicioj rekonas la enhavon de la tria volumo. La sola libro ankoraŭ mankanta estas la etiopia Henoĥ.

Se vi scivolas pri la enhavo: renkontiĝas multege pri la historio de la konfliktoj inter la hebreoj kaj ilia ĉirkaŭaĵo dum la lastaj jarcentoj antaŭ, kaj la unuaj jarcentoj post Kristo: la Makabea insurekcio, ekzemple, kontraŭ la grekaj reĝoj el Sirio (kaj en Egiptujo - 3-a vol.); la konkero de Jerusalemo fare de Romo (- 3-a vol.) Enestas ankaŭ pluraj tre pensinstigaj verkaĵoj de saĝuloj (Saĝeco de Jesuo Siraĥ, aŭ de [pseŭdo-]Salomono - 2-a vol.). Enestas apokalipsa pentro pri la atendoj de l' fino de la mondo (4 Ezra - 3-a vol.); ktp. Por homoj, kiuj nur iomete interesiĝas pri la kultura fono de Eŭropo, nepre legindas la Biblio - kune kun ĉiuj ĝiaj disbranĉiĝoj - ankaŭ ĉi tiuj duakanonaĵoj.
La traduko estas tre fakule kaj bonstile farita. Havebla ĉe ĉiu bona libroservo - ĉ. EUR 20,--.
Gerrit Berveling, Kalverstraat 8-B, 8011 LH Zwolle.
Tel. 038-4237003, Fakso +31 (0)38-4237004.

## VOJAĜIMPRESOJ

Antaŭnelonge Fonto eldonis Vojaĝimpresoj tra Siberio kaj Japanio de Gerrit Berveling.
En 2007 kune kun la edzino Madzy kaj internacia grupo de pli ol 20 geesperantistoj la aŭtoro vojaĝis per la Transsiberia Trajno ĝis Vladivostoko kaj de tie perŝipe al Japanio, kie ili partoprenis la 92-an UK-on en Jokohamo. Post tio la geedzoj partoprenis Oomoto-aranĝon en Ajabe.
La surloke notitaj impresoj, hejme poluritaj, fariĝis libreto 140-paĝa el kiu oni povas kunsperti ion de la multaj travivaĵoj. Temas ne nur pri la tre diversaj pejzaĝoj, ekskursoj en diversaj lokoj kie la karavaneto haltis, UK-spertoj kaj manĝoj, sed ankaŭ pri renkontoj kun lokaj geesperantistoj, formalaĵoj de oficialuloj pri vojaĝbiletoj, pasportoj aŭ ŝlosiloj.
Ĉio kune la libro malfermetas mondon al multaj el ni nekonatan, montras diferencojn kulturajn kaj similecojn.
Ekz. la tre malfruaj manĝhoroj en Rusujo, la japana teceremonio, uzado pro higieno de pantofloj kiujn aliuloj jam uzis. Sed ankaŭ en Ruslando kaj Japanio infanoj reagas favore al klopodoj ludi kun ili. Por tio komuna lingvo ne ĉiam necesas.
Entute agrabla legaĵo, en kiu mankas fotoj (kiuj plialtigus la prezon), do sufiĉu la surkovrila foto de japana pejzaĝo.
Anneke Schouten-Buys.

## ESPERANTO EN TANZANIO

Antaŭ nelonge pasis tra Nederlando s-ro Mramba Simba, kiu verve kolektis vian subtenadon por sia projekto “Mazingira” (ĉirkaŭaĵo). Certe lia projekto estas gratulinda, same kiel tiu de Gbeglo Koffi, kies floradon vi ĉiam povas sekvi per www.eenschoolintogo.nl.
Sed ankaŭ aliaj agadoj meritas foje aperi en la sceneja lumo. Ekzemple tiu de Amani Esperanto- Grupo (amani = paco), kaj kreskinta el ĝi: Kristana Virina Grupo. Ili agadas en Bunda, nordokcidenta Tanzanio, en la sama regiono kie aktivas Mramba Simba.



Robert Dismas rakontas:
Paca Esperanto-grupo fondiĝis en la jaro 1998 kun 4 membroj. De tiam la grupo kreskis tre rapide. Sed pro la malbona ekonomia situacio kaj oftaj veterŝanĝoj, kelkaj anoj forlasis la movadon por flegi la bezonojn de siaj familioj. Tamen tiu situacio ne malkuraĝigis nin. Ni daŭre propagandis la valoron de nia kara lingvo. Ni daŭre lernis la lingvon kaj faris tion kion ni povas por plibonigi nian klubon. Ni ne havis kunlaboron kun nia landa asocio kaj verdire ni lernas la lingvon memstare kaj parte per la helpo de s-ro Hans Bakker, kiu ofte sendas lernolibrojn al ni.

En 2002 nia grupo ekinstruis la lingvon al infanoj por heredigi ĝin al la venontaj generacioj. Parte la programo sukcesas kvankam aliaj gepatroj decidis prokrasti la lernadon por siaj infanoj ĉar ili miksas Esperanton kaj anglan dum la leciono en la lernejo. Tamen aliaj infanoj restas ĝis nun. Pasintan jaron ekis la virina agado gvidata de s-ino Nyachiro Malima kiu estis la sola virino en nia grupo. Ŝi korespondadas jam longtempe kun nederlandaj esperantistoj: s-ino Tanja van Huis kaj s-ro Hans Bakker. Ŝi decidis propagandi la lingvon al surlokaj virinoj samtempe kun aliaj celoj.La agado donas rezulton ĉar aldoniĝis 5 virinoj al la grupo. En la grupo oni lernas la lingvon dumaniere: Legado de libroj kaj konversaciado por la trejnado en parolado. Nun la grupo konsistas el 10 personoj kaj 6 geinfanoj kiuj aĝas inter 8-12. La grupo ankaŭ posedas komputilon kaj poŝtelefonon por retaj kontaktoj. Mallonge tiu estas nia raporto kaj ni bonvenigas konsilojn.

Robert Dismas,
P.O.Box 354, Bunda (Mara), Tanzanio
<dismasrobert@yahoo.com>.

## HERZBERG AM HARZ - LA ESPERANTO-URBO.



La 12-an de julio 2008 ni festis la 2-an datrevenon de la naskiĝo de Herzberg am Harz - kiel Esperanto-urbo.
Ĉ. 50 personoj el 15 landoj festis kune. Honoraj gastoj estis la prezidanto de GEA d-ro Rudolf Fischer kaj la urbestro Gerhard Walter, kiuj afable salutis kaj bondeziris.
Peter Zilvar transdonis je nomo de Germana Esperanto-Centro grandan memormedalon kreitan de la fama germana medalisto Peter Götz Güttler el Dresdeno al urbestro Gerhard Walter por la urbodomo.
Je la fino ni buĉis komune bongustan naskiĝtagotorton. Ni dankas por la nemalmultaj gratulleteroj.
Dum la tre sukcesa Kulturturisma Semajno okazis multaj fakprelegoj kaj ekskursoj.
Jam nun vi povas legi tekstojn kun fotoj sur la hejmpaĝo de la urbo Herzberg am Harz sub Herzberg... la Esperanto-urbo: <www.herzberg.de>
kaj ankaŭ en nia fotogalerio:
<http://esperantourbo.spaces.live.com/ >
<http://esperanto-urbo.de>
Esperanto-instruado, biblioteko, muzeo je via servo:
Germana Esperanto-Centro/Interkultura Centro Herzberg
DE-37412 Herzberg/Harz, la Esperanto-urbo
Grubenhagenstr. 6, Tel: +49/(0)5521-5983
<http://www.herzberg.de>

## STUDSEMAJNFINO EN NOVEMBRO.

Al ĉiuj studemuloj, de ĉiuj niveloj kaj aĝoj. Por la aŭtuno 2008 ESPERANTO NEDERLAND denove organizas studsemajnfinon.
La datoj estos: de la 14-a ĝis la 16-a de novembro. Loko: NIVON- domo De Banjaert en Wijk aan Zee, provinco Nordholando. Ĉi tiu domo estas tute nova, kaj situas ĉe la rando de la dunoj.
LEGU LA INVITON en PAĜO 3!

## RESTORACIO “ESPERANTO” EN HAARLEM.

En Haarlem estas restoracio kun la nomo Esperanto. Eble vi vojaĝos tra Nederlando kaj deziras manĝi en Haarlem. La estro Arno Wereldsma scias precize kion li deziras kun sia restoracio “Esperanto” en la urba centro de Haarlem, ĉar li ne deziras limigi sin. Ĉefkuiristo Sven uzas la plej diversajn ingrediencojn el la tuta mondo . La estro Sven ne parolas Esperanton.
La adreso estas: Restaurant Esperanto, Lange Veerstraat 17, Haarlem. tel.nr. 023-5411911. Lunde kaj marde fermita.

